**GRÈCE.** — Le Ministre de l'Education Nationale vient de rendre officiel l'enseignement de l'Espéranto, à titre facultatif, dans les écoles et dans les Universités. Il considère l'Espéranto, déjà enseigné dans de nombreux pays, « comme un excellent moyen pouvant contribuer aux contacts spirituels entre les peuples ».

**GUATEMALA.** — Le gouvernement du Guatemala a décidé de donner à l'Association espérantiste de ce pays l'autorisation d'enseigner la Langue Internationale pendant une période expérimentale de trois années, à tous les élèves de l'enseignement du 2e degré de la capitale qui auront choisi l'étude de l'Espéranto au lieu de l'anglais ou du français.

**HOLLANDE.** — A **Utrecht**, le Conseil municipal a décidé de donner le nom de « Zamenhof » à une allée du nouveau quartier et d'y élever un monument pour perpétuer le souvenir du créateur de l'Espéranto.

**HONGRIE.** — La première **Université espérantiste d'Eté** a eu lieu l'année dernière à **Gyula**, près de la frontière roumaine. Cent-vingt espérantistes y ont participé. On y a entendu des conférences faites par d'éminentes personnalités, professeurs et linguistes, sur : les époques historiques de l'Espéranto, sa diffusion dans le monde du travail et chez les pacifistes, la littérature espérantiste et l'enseignement de la Langue Internationale. Cette première Université d'Eté ayant remporté un grand succès, on envisage d'en organiser une seconde, sur une plus grande échelle, en 1963.

Le Recteur de l'Université de **Szeged** (Hongrie) a autorisé l'enseignement de l'Espéranto dans les Facultés de l'Université, au même titre que les matières d'études facultatives, en 1963-1964 (SIP/559).

**INDONÉSIE.** — La jeunesse commence à s'intéresser à l'Espéranto. Trois cours ont été organisés à **Djakarta**, pour les enfants de 7 à 12 ans, pour les étudiants et pour les travailleurs manuels.

**ISRAEL.** — Le Conseil municipal de la ville de **Bat-Jam** a décidé de donner le nom de Zamenhof à l'une de ses avenues. Voici les villes qui, en Israël, ont maintenant des rues « Zamenhof » : **Tel-Aviv, Jérusalem, Haïfa, Holono, Herzlija, Kvar-Ata, Kfar Saba, Hirjat, Bjalistok**, et maintenant **Bat-Jam.**

**ITALIE.** — A **Pistoia** a été inaugurée une nouvelle rue qui a reçu le nom de « Ludoviko L. Zamenhof ». A cette occasion, une journée espérantiste a été organisée à laquelle ont participé non seulement les espérantistes locaux, mais 90 autres venus de 16 villes voisines. Le Maire de Pistoia découvrit la plaque et parla de l'importance qu'est appelée à jouer dans le monde la Langue Internationale créée par Zamenhof.

Entre autres manifestations, le matin à l'église St-Dominique, le Père L. Tovini au cours de la messe, avait montré l'importance de l'Espéranto comme facteur d'union spirituelle pour l'humanité. Dans l'après-midi, une réunion publique eut lieu à la Chambre de Commerce où **le Président de l'Association Nationale des Chemins de fer**, M. G. Zacconi éveilla un grand intérêt en démontrant la structure de l'Espéranto, quelques-unes de ses applications pour le commerce international et l'utilité de son enseignement dans les écoles.

A **Rome**, s'est fondée « l'Association Internationale des Pharmaciens Espérantistes ».

**JAPON.** — Plus de 300 jeunes parmi lesquels des étudiants d'une vingtaine d'Universités ont participé à de nombreuses réunions afin de s'entraîner à l'usage de la langue internationale en vue du Congrès Universel d'Espéranto **qui aura lieu à Tokio en 1965.**

**NOUVELLE-ZÉLANDE.** — A **Tweedsmuir**, 186 enfants apprennent l'Espéranto et 300 à l'école secondaire de **Hawera.** D'autres cours ont été organisés à **Sunrise Road** et **Auckland**, pendant l'année dernière. Il y a aussi maintenant des **cours pour instituteurs** à « Queen Elisabeth College », et à la maison d'Education « Victoria University », à **Wellington.**

**POLOGNE.** — L'Espéranto est enseigné à titre obligatoire dans quatre classes du Lycée de **Sosnowiec.** Le premier examen, qui correspond à notre baccalauréat, a eu lieu l'année dernière avec une présentation à la Télévision. Interviewé, le Président de la République Polonaise a déclaré : « L'Espéranto est une langue très utile. Elle a beaucoup d'adeptes enthousiastes. Apprenez donc l'Espéranto ».

A **Cracovie**, après un enseignement facultatif de l'Espéranto pendant 5 ans dans deux lycées de cette ville, on a décidé d'en rendre obligatoire l'enseignement dans ces deux lycées, à partir de cette année.

**VENEZUELA.** — Au début de cette année, un Cours d'Espéranto fut inauguré à l'Université de **Caracas.** Il a été organisé par la Direction de la Culture (branche d'Etudes Générales). Les leçons ont lieu trois fois par semaine (SIP/545).

**YOUGOSLAVIE.** — **Zagreb.** Chaque année dans plusieurs villes universitaires de Yougoslavie ont lieu des cours d'Espéranto, sous la direction de professeurs d'Université, spécialisés dans la linguistique. Il est rare cependant que l'internationalité de l'Espéranto apparaisse de façon aussi tangible que dans le cours qui vient de s'ouvrir à l'Université de Zagreb, où des étudiants africains et asiatiques de 14 pays : Birmanie, Indonésie, Liban, Syrie, Israël, Irak, Jordanie, Soudan, Tanganyika, Mali, République Arabe Unie, Cuba, Bolivie et Chili suivent actuellement un cours de Langue Internationale par la méthode directe (SIP/542).

Nous avons signalé dans le précédent bulletin une intéressante réalisation des **Jeunes Astronomes de Zagreb** sous la direction du Directeur de l'Observatoire, le Dr Divjanoviĉ : la création d'un centre balnéaire espérantiste, actuellement en plein développement, dans une des plus belles régions de l'Adriatique, à **Primoŝten.** Ils ont édité à cette occasion une brochure de 48 pages, illustrée et entièrement bilingue sur deux colonnes (langue croate et Espéranto), qui peut être considérée comme un modèle du genre. (S'adresser à Internacia Esperanto-Kampadejo, Primoŝten ĉe Ŝibenik, Jugoslavio).

**L'Observatoire de Zagreb** tient une place importante à l'Académie des Sciences croate. Mais il présente cette particularité, unique jusqu'à présent, d'être, selon les termes de son Directeur, « entre les mains des espérantistes ». Tout son personnel scientifique pratique couramment la langue internationale. Et il vient d'éditer une revue illustrée de vulgarisation astronomique « Homo kaj Kosmo », rédigée entièrement en Espéranto, qui complète sa Revue en langue croate éditée depuis plusieurs années. A notre époque de satellites artificiels et de voyages cosmiques, cette petite revue, très bien rédigée et clairement présentée avec des illustrations, vient bien à son heure. Adresse : « Homo kaj Kosmo », Opatiĉka 22, pf 165, Zagreb, Jugoslavio.

Dr G. MAILLARD.

**Pour tout ce qui concerne LA REDACTION de ce Bulletin, s'adresser au Dr G. Maillard, 14, rue Ravon, Bourg-la-Reine (Seine).**

**Pour TOUS AUTRES RENSEIGNEMENTS, tels que : cotisations aux grandes Associations Espérantistes, adhésions aux Congrès, abonnements aux journaux et revues espérantistes, achats de livres, etc... s'adresser à l'UNION FRANÇAISE POUR L'ESPÉRANTO, 34, rue de Chabrol, Paris 10e. Tél. PROvence 55-03. C.C.P. 855-35 Paris.**

**De même si l'on désire DES TIRAGES A PART DE CE BULLETIN. Ils seront envoyés franco à raison de un franc les dix.**

Imp. COCONNIER, Sablé (Sarthe)

la IKRK por plilarĝigi la konkerojn del'humana rajto. Ĝi unue provis havigi ian protektadon por la personoj malliberigitaj en sia propra lando sekve de internaj perturboj ; kiuj personoj estas nuntempe pli minacataj kaj senigitaj je rajtoj ol la milittempaj malamikoj. La IKRK kun la helpo de spertuloj proklamis la principojn aplikeblaj al tiaj personoj, kaj tiel ĝi povis ĉi-lastajn jarojn agi favore al viktimoj de perturboj en latina Ameriko kaj Afriko, interalie vizitante la personojn senigitajn je libereco.

UNU SOLIDARECA RETO INTER LA POPOLOJ.

Sed staras unu problemo ankoraŭ pli grava. Por kio servus savi kelkajn individuojn, viziti kelkajn milojn da kaptitoj, se la monda opinio devus akcepti, ke tutaj nacioj povos sin ekstermi reciproke sen distingo ? Efektive la ĉiam pli totala karaktero de la milito, la interveno de teruraj armiloj minacas je detruado la homaron kaj la civilizacion. Tial la IKRK provas akiri, antaŭ ol ne estos tro malfrue, ne la malpermeson de difinita armilo — kio estus neebla kaj cetere iluzia — sed la agnoskon de certaj reguloj koncerne la civilulojn, limigantaj la uzon de militrimedoj, kiaj ajn ili estas.

Fine la Ruĝa Kruco kontribuas siamaniere al la alproksimiĝo de l'popoloj, disvastigante inter ili unu senton de aktiva solidareco, unu reton da respondecoj kune plenumitaj, atendante, ke ĉi tiuj virtoj povos en la paco mem atingi sian tutan plenumiĝon.

Kaj ĉefe la Ruĝa Kruco havas ekzemplan valoron. La agoj faritaj de ĝi en la koro de l'batalo estas jam pacaj agoj. Kiam la milito fosas sian tragikan kavaĵon, la Ruĝa Kruco restas lasta ponto inter la homoj. La Ruĝa Kruco agnoskas la valoron de la homo, ĝi strebas por konservi lian vivon kaj efektivigi lian destinon. Ĉu ĝi ne estas unu el la pravoj ne perdi esperon kaj kvazaŭ promeso de pli bona mondo ?

EL « UNESKO-INFORMOJ », nº 416.

Tradukis J. T.

---

(o) S-ro Carl Burkhardt, Plenpova Ministro, estas iama prezidanto de l'Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco.

(oo) **N. de la T.** — Verfakte la penso troviĝas komuna : unu el la kulturaj elementoj, de kiuj devenas la Lingvo Internacia.

(ooo) **La Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco** estas la fondinta organo de la Ruĝa Kruco, kreita en Genevo en 1863. Ĝi estas ekskluzive formita de svisaj civitanoj, dudek kvin maksimume, alelektitaj ; kio ebligas al ĝi interveni sur humana kampo en la landojn, kiuj troviĝas en stato de milito, civila milito kaj internaj perturboj. Ĝi zorgas pri la respektado de l'Genevaj Konvencioj kaj servas por ke la viktimoj ricevu protektadon kaj kunhelpadon. Ĝi estas la konservanto de l'principoj de la Ruĝa Kruco, agnoskas la novajn naciajn societojn kreitajn en ĉiu lando kaj laboras por la disvolviĝo de la humana rajto.

## EL NIA LETERKESTO...

« Mi legis kun grandega intereso la brilan demonstron de s-ro Demoliens pri la maniero desegni la verdan stelon sen cirkelo. Tiu eltrovajo estas el tiuj, kiuj antaŭenpuŝas nian Movadon al grandaj sukcesoj kaj kondukos ĝin al la fina venko.

Mi mem estas aŭtoro de genia metodo, kiu permesas produkti rondojn en akvo sen cirkelo. Mi ne dubas, ke tio interesegos la legantaron de nia revuo, kaj ke nia redaktoro disponigos al mi la kelkajn paĝojn, kiujn mi bezonas por tiu tre teknika demonstro. »

Michel Duc Goninaz.

## ERATUMO

**En la recenzo pri « FABLETOJ » de Ferdo Ŝkrljac unu vorteto elglitiĝis : komence de la lasta paragrafo la frazo** « la tradukinto timas la neologismojn » **estu korektita « la tradukinto ne timas la neologismojn ».**

**« Potenco ĉia feblas, krom se unuiĝinta »**

LA FONTAINE.

**« La homo, kiu diras, ke li ne naskiĝis feliĉa, povus almenaŭ fariĝi tia per la feliĉo de siaj amikoj aŭ proksimuloj. Envio forŝovas de li ĉi tiun lastan rimedon. »**

**La Bruyère. XI Pri homo, 22.**

**« Oni demandas, kial ĉiuj homoj kune ne konsistigas kvazaŭ unu solan nacion, kaj ne volis paroli unu saman lingvon, vivi sub la samaj leĝoj, interkonsenti pri la samaj kutimoj kaj unu sama kulto. Kaj mi, pripensante la kontraŭecon de la spiritoj, gustoj kaj sentoj, mi miras pro tio, ke mi vidas ĝis sep aŭ ok personojn kuniĝi sub unu sama tegmento, en unu sama murzono, kaj konsistigi unu solan familion. »**

**La Bruyère. XI Pri homo, 16.**

**LA SVAHILA FARIĜAS OFICIALA LINGVO EN TANGANJIKO**

**La buĝetprojekto de Tanganjiko ĵus unuafoje estis redaktita en la svahila. La lando, kiu atingis la sendependecon en la lasta decembro, adoptis efektive la svahilan kiel oficialan lingvon egalece kun la angla. 90 % el la parlamentaj debatoj okazas nun en la svahila, kaj tial la prezidento Nyerere ekfaris la decidon antaŭenigi ĉi tiun lingvon ĝis la rango de oficiala lingvo. (UNESCO-Informoj).**

# U. F. E. - Konsilio, la 7-an de Septembro

## en la KULTURA DOMO

La konsilio kunsidis de la 9-a ĝis la 12-a kaj duono kaj de la 14-a ĝis la 18-a kaj 45.

**Ĉeestas** d-ro A. Albault, s-ro R. Blanc, s-ino M.-L. Bodard, s-roj H. Bourdelon, D. Chagnoux, J. Guillaume, H. Micard, G. Rougetet, J.-A. Rousseau, kaj J. Thierry.

**Senkulpiĝis per letero** s-roj J. Asquéri, E. Bidoit, R. Bernard, J. Chapellier, V. Cugny, f-ino Ch. Garrigue, L. Giloteaux, R. Llech-Walter, L. Mahé, J. Manceau, R. Motto, kaj A. Ribot.

**Ne ĉeestas** d-ro P. Berlot, kaj s-ro G. Odent.

***

**Prezidas** komence s-ro D. Chagnoux, poste s-ro H. Bourdelon.

Estas precizigite, ke s-ro H. Bourdelon reprezentas s-ron F. Garrigue, kaj s-ro J. Thierry, s-rojn R. Bernard, J. Chapellier kaj L. Mahé.

Post legado de la leteroj la konsilio decidas unuanime skribi al sia prezidanto R. Llech-Walter por komuniki al li la konfidon de ĉiuj konsilianoj.

**1) Financa situacio.** — S-ro J.A. Rousseau raportas per provizoraj ciferoj pri la kasostato en septembro 1963. La bilanco evidentigas, ke la konstanta prezaltiĝo de la lukosto, hejtado kaj impostoj postulas kotizoaltigon : necesas urĝaj rimedoj, kaj unuanime la konsilio decidas, ke ek de nun la kotizoj estos jenaj :

| | | |
|---|---|---|
| *« Membre titulaire »* | *15 Fr. anstataŭ* | *12* |
| *« Membre junior »* | *8 Fr. anstataŭ* | *6* |
| *« Membre adhérent »* | *5 Fr. anstataŭ* | *3* |
| *« Membre étudiant et jeune »* | *2 Fr. anstataŭ* | *1,5* |

La kotizoj de « membre bienfaiteur » kaj « membre donateur » respektive 50 Fr. kaj 25 Fr. restos neŝanĝitaj ; kio esperigas, ke pli multaj membroj klopodos subteni asocion.

En la venonta decembra kunsido la konsilio denove konsideros la situacion kaj tiam la eblecon indicumi la kotizojn.

**2) Statuto kaj reglamento.** — S-ro G. Rougetet konstatas, ke li jam ricevis la regulitan statuton de la jenaj federacioj : **Alsace, Bourgogne, Drôme, Nord, Paris** kaj **Provence.**

La reguligo estas nun farata por **Massif Central** kaj **Angers.**

Oni atendas informon pri **Bordeaux, Languedoc, Roussillon, Lyon** kaj **Normandie.**

**3) Intergrupa konkurso.** — Venis nur tri respondoj : **Les Andelys, Dijon** kaj **Toulouse** (kiu rimarkinde duobligis sian membraron).

Oni rekomencos la konkurson por la venonta jaro, sed montriĝas necesaj aldono de klarigoj reklamo pri la rezultoj, kaj precizigo de limdato.

**4) Plano pri reorganizo de la servoj en la Centra Oficejo.** — S-ino M.-L. Bodard prezentas la proponon, kiu estas aprobita :

En la kadro de la Inform-komitato kaj sub la direkcio de s-ro G. Rougetet : — servo pri gazetaraj rilatoj (s-ro Bourdeaux), — servo pri eksteraj demarŝoj (s-ino M.-L. Bodard) ; en la kadro de la sekretarieco : — servo pri la revuo (s-ro J. Thierry). — servo pri la biblioteko (s-ro P. Royer), — servo pri akcepto de eksterlandanoj (s-ro P. Poly). Ĉiu respondeculo trovos mem du vicrespondeculojn.

**5) Stato de la junulara asocio en Francujo.** — Manko de raporto fare de la junulara delegitino devigas nin prokrasti la punkton ĝis la venonta kunsido.

**6) 48-a U.K. en Sofio.** — Raportas s-roj R. Blanc, J. Guillaume kaj J.-A. Rousseau. Oni aparte konsideras la efikon de la kotiza duobligo koncerne la asociajn membrojn.

**7) 56-a N.K. en Parizo.** — Interŝanĝo de ideoj : estas interalie proponitaj la bondeziroj de pli preciza tagordo, fest-parolado, oratora kaj eble kanzona konkursoj (por gejunuloj). La aliĝ-kotizo estos 7 Fr. (ĝis la 31-a de junuaro) kaj 10 Fr. poste. La limdato por la loĝpetoj estas fiksita je la 31-a de marto 1964.

Oni elektas la alfabetan violiteron, laŭ kiu okazos la balotado pri triono de la konsilia membraro ; estos do reelekteblaj :

— **en 1964,** s-roj L. Mahé, J. Manceau, H. Micard, R. Motto, G. Odent, A. Ribot, G. Rougetet, J.-A. Rousseau ;

— **en 1965,** s-roj J. Thierry, A. Albault, J. Asquéri, E. Bidoit, P. Berlot, R. Bernard, R. Blanc kaj s-ino M.-L. Bodard ;

— **en 1966,** s-roj D. Chagnoux, J. Chapellier, V. Cugny, F. Garrigue, f-ino Ch. Garrigue, s-roj L. Giloteaux, J. Guillaume kaj R. Llech-Walter.

**8) 49-a U.K. en Hago.** — Okazos reelekto de la Komitato de U.E.A.

**9) 3-a Kultura Semajno en 1964.** — Raportas s-ro R. Blanc pri la du antaŭaj, kaj ĉefe pri la jam atingitaj rezultoj, kiuj estas brilaj kaj kuraĝigaj des pli, ke la seminariaj gejunuloj estas morgaŭaj geinstruistoj. Ĉi tiu agado de U.E.F., kiun oni dankas al la persistaj klopodoj de s-roj R. Llech-Walter kaj R. Blanc, konsistigas unu el la plej pozitivaj faktoj. Estas antaŭvidita la **3-a Kultura Semajno,** kiu okazos de la 30-a de marto ĝis la 5-a de aprilo 1964. Kunhelpos al nia prezidanto por la subvencia punkto s-ino M.-L. Bodard, por la programa punkto s-ro F. Garrigue, kaj por la seminarioj s-ro R. Blanc.

**10) Lerneja komisiono.** — Ĉia ebleco de kunlaboro kun G.E.E. estas bondezirinda, sed la konsilio tre bedaŭras la enhavon de la numero **Julio 63** de « Espéranto et Culture », kies komentoj tiurilate ne estas kuraĝigaj.

**11) Perkoresponda kurso de U.F.E.** — S-ro H. Micard klarigas, kial en la nuna momento la antaŭvidita interkonsento montriĝas ankoraŭ ne matura kaj devas esti plue studata.

**12) « Franca Esperantisto ».** — S-ro J.-A. Rousseau prezentas la bilancon : por redukti la deficiton, estas decidite, ke la revuo aperos nur 12-paĝa, sesfoje ofsetita kaj kvarfoje presita ; kio kostos kun la kvarpaĝa presita franclingva bulteno ĉ. 3.300 + 4.400 = 7.700 Fr. por 7.400 da enspezoj. Ĉar estas antaŭvidebla nova plialtiĝo de la preskosto, rekonsidero de la ciferoj estos farita en decembro.

Estas decidite ankaŭ, ke de nun nur s-ro J. Thierry, kiel redaktoro, rajtos doni « **bon à tirer** » por la presado de la revuo kaj franclingva bulteno. La redaktoro atentigas la federaciojn, ke ili konformiĝu al la presindikoj klarigitaj sur la dua paĝo de la presitaj numeroj, kaj ne sendu por publikigo nuran protokolon aŭ bultenon valoran nur por la arĥivoj. Por lasi spacon al ĝeneralaj kaj aliaj artikoloj oni klopodu **koncizigi** la komunikojn.

**13) « Konsiloj al la grupoj ».** — Punkto prokrastita ĝis plia informiĝo.

**14) U.E.A. - ĵusaj informoj.** — Okazas interŝanĝo de ideoj rilate al la statistikoj.

**15) Diversaĵoj :**

a) S-ro H. Micard legas la **leteron**, kiun tiucele s-ro P. Petit sendis al li ; la konsilio **unuanime** konsideras, ke la prilingva demando levita de s-ro P. Petit estas persona opinio **lia**, kiu ne pravigas la kunvokon de speciala kunveno.

b) S-ro G. Rougetet memorigas al la konsilianoj, kiuj ne respondis, la lo-an paragrafon de la Reglemento, postulantan minimume leteran respondon al la kunvokoj.

c) S-ro H. Bourdelon legas leteron de franca deputito al la kongreso okazinta en Hamburgo kaj kelkajn leterojn kaj artikolojn siajn rilate al du gazetoj.

d) S-ro J. Thierry donas informojn pri la nun farata filmo de s-ro L. Mahé : sekvas interŝanĝo de ideoj ; li krome prezentas la proponon de s-ro Sylla Chaves el Brazilo pri interŝanĝo de gejunuloj, kiun proponon la konsilio bedaŭre devas pro financaj motivoj opinii neefektivigebla.

d) S-ro J. Guillaume sciigas, ke ruso deziras interrilati kun s-ro Jean Lafitte kaj ke s-ro Ferenc Fodor proponas sin por gvidi Cseh-kurson.

Grésillon, la 7-an de septembro.

La protokolinto : J. THIERRY.

# NIA RESTADO EN GRÉSILLON

Ĉiujare, de ĝia fondiĝo en 1960, la Esperanto-klubo (nun « *Centre Culturel et d'Amitié Internationale Zamenhof* ») de Andelys premias la plej bonajn lernantojn el siaj kursoj per 100-franka stipendio cele al vojaĝo pere de Esperanto. En 1960, 2 knabinoj partoprenis la infankongreseton en Bruxelles. En 1961, 2 knabinoj restadis unu semajnon en Grésillon. Pasintjare 2 geknaboj aliĝis al la infankongreseto en Kopenhago ; bedaŭrinde, pro subita malsaniĝo, la knabo ne povis kunveturi. Ĉi-jare, 3 geknaboj restadis 10 tagojn en *Grésillon.*

Jen ilia raporteto :

Ni estas tre kontentaj pri nia restado en la Esperantista Kulturdomo Grésillon. Ni provos rakonti al vi nian vivon en la kastelo. Matene, la sonorilo vekis nin je la 8-a horo. Poste, ni devis matenmanĝi je la 8-a kaj duono. Ni estis liberaj ĝis la 10-a horo. Tiam, ni aŭskultis tre interesajn prelegojn pri la spirito de la Renesanco, Bruges, la Loire-kasteloj, kaj la vivo en Skandinavio. Poste, ĉiu povis bani sin en la bela banejo. Nia stomako anoncis al ni la tagmanĝon. Ofte, posttagmeze, ni partoprenis la interparoladojn.

Ni faris belegajn promenadojn en Baugé, al la dolmeno kaj ekskursojn al kelkaj belegaj Loire-kasteloj : Langeais, Villandry, Azay-le-Rideau, Chinon kaj Saumur. Aliafoje, ni vizitis la urbon Angers.

Vespere, post la manĝo, ni ofte ludis, kantis aŭ rigardis filmojn.

La suno estis nia amiko dum la tuta restado. Grésillon ravis nin kaj ni tre ŝatus reveni tien ; ĝia kanto estas tre vera :

*Grezijono,*
*En arbaro la kastel'*
*Por la anoj*
*De la bela verda stel' !*

*Kune studas, babiladas,*
*Guas, ridas, revas ni,*
*Tie ni diverslingvanoj*
*Sentas nin ĉe famili' -*

BONNET Sylvie, 15-jara knabino.

CARON Josette, 14-jara knabino.

# NIA VORTTREZORO

VORTARO - VORTTREZORO

*Kial oni diras « vortaro » ? Ĉu « vortlibro » ne estus pli logika ?*

La sufikso -aro signifas tuton, sed ne ian ajn. Temas pli ĝuste pri nova *unuo ;* unuo estas io organizita kaj sentebla kiel tia. Tial oni povas paroli pri la « homaro » kaj pri « aro da homoj », kiuj estas du nocioj sen multa rilato inter si. Ankaŭ tial « homaro » rilatas al la tuta terglobo, dum « arbaro » estas nur tiu arbotuto, kiu troviĝas en difinita loko aŭ regiono : en ambaŭ kazoj ja temas pri nova *unuo*. En tio -aro estas plene komparebla al -ero, kiu ankaŭ estas alia *unuo*.

Tiel same « vortaro » estas tiu organizita tuto da vortoj prezentitaj en alfabeta ordo kaj presitaj en libro. « Vortlibro » estus nur libro de vortoj prezentitaj en alia maniero ol en vortaro, ekzemple ordigitaj laŭ ilia signifo. Cetere, ni ne pretendu, ke tiu ĉefa signifo de « vortaro » devenas nur de logika dedukto ; tie la logiko nur helpas la lernanton memori. Ke Zamenhof elektis tiun formon, eble povas esti klarigita ankaŭ per la fakto, ke la koncernaj terminoj de kelkaj aliaj lingvoj estas simile formitaj : Pensu nur pri la franca « dictionn*aire* » kaj pri la rusa « slov*ar* », dum vortlibro estus subtenita nur de la germana « Wörterbuch ». Pensu ankaŭ pri « gloss*aire* — glosaro ».

Duan signifon « vortaro » trovis per ĝeneraligo : de la libro la senco vastiĝis al la vortotuto mem de difinita lingvo ; abstrakta aspekto de konkreta nocio. Sed por tiu senco ni prefere uzu la sinonimon « vorttrezoro », kiu ja aludas pri la granda riĉeco statika kaj dinamika, aŭ se vi preferas *radika* kaj *vortfara,* de nia lingvo. Tamen ankaŭ ne kredu, ke tiu tre bilda kaj eminente taŭga termino estis inventita de unu el niaj aŭtoroj. La germanoj ja nomas ĝin « *Wortschatz* » kaj jam en la latina iu verkis iun « *Thesaurum poeticum linguæ latinæ* ». Tiu bildo transiris al multaj lingvoj. Ekzemple Mistral alnomis sian monumentan duvoluman vortaregon okcitana-francan : « *Lou Tresor dou Felibrige* ».

Ni aldonu, ke en Esperanto ni plie povas paroli pri « vortprovizo » : vortprovizo de iu lernolibro aŭ de iu lernanto, faka vortprovizo de iu metio aŭ tekniko, ktp... Sed oni parolos pri la vorttrezoro de Shakespeare : la vortprovizo estas la parto, la vorttrezoro estas la tuto. Oni povas instruiĝi pri ambaŭ ekzemple per konsultado de vortaroj.

A. ALBAULT.

# TRA NIA KRIBRILO

**OOMOTO, MAJO-JUNIO. — El letero de korespondanto. « Interesa trovaĵo. Ĝi koncernas al pinglo-insigno donita al sinjorino NN en 1939 de ĉi tiea Oomotano, kies frontan kaj malantaŭan flankojn mi riskis kopii. »**

**Efektive ! Enestas kelkaj riskoj en tia kopiado !**

**SENNACIULO, AUG.-SEPT. — « Ĉie estas la kamparanoj, kiuj kulturas la teron kaj kiuj gajnas sian panon per ŝvito de siaj brovoj aŭ aliaj manokupoj. »**

**Se ŝvito de brovoj estas manokupo, ŝvito de piedoj estas intelekta plezuro.**

**SAMLOKE. — « Adiaŭante la familion, mi ricevis donacon de vivanta kokino. »**

**Ni scias, kion kapablas donaci vivanta kokino. Dankon !**

**SAMLOKE. — El priskribo de kopulacio inter kelonioj (gigantaj martestudoj). « Virbestego suriĝas alian kaj faras laŭ seksinstinkto de naturo. »**

**Se la virbestegoj aranĝas tion inter si, kion faras intertempe la ĉarmaj keloniinoj ?**

**FRANCA ESPERANTISTO, AUG.-SEPT. — El artikolo pri la ostroj. « Efektive, ostro feliĉe efikas al infanoj, junuletuloj... »**

**Certe ankaŭ al junuletuletuletoj ktp... !**

**Raymond SCHWARTZ.**

# LIBERA TRIBUNO

## SIMPLA, FLEKSEBLA, BELSONA... !

Nun en niaj medioj montriĝas diversaj tendencoj el kiuj :

1°) kelkaj fervoraj esperantistoj kritikas tiujn el niaj verkistoj, kiuj tro ofte kaj neutile — do malutile — kreas kaj uzas neologismojn, aŭ memvole, ne tute ĝuste, uzas iujn formojn de la verboj ;

2°) aliaj same fervoraj opinias, ke, ĉar Esperanto estas « *la latina lingvo de l'popolo* », oni ne bezonas tede elvidigi tiajn diskutadojn. Ili diras : « Ni ja nepre devas altiri al ni la amason de la bonvolemuloj, tiuj ĉi eklernu kaj uzu esperanton, sed ne tute kun klerula perfekteco, almenaŭ flue kaj taŭge ! Tia konkero estas multe pli taŭgatempa nun ol Bizancaj diskutoj pri radikoj aŭ gramatiko ! »

Nia intenco ne estas kondamni la unuajn aŭ la duajn. Ĉu ambaŭ tendencoj ne estas utilaj kaj ne devas ekzistadi kune, samtempe kaj ĉefe tolereme?

Ni propagandu, ni konigu ĉie tiun ĝenian donacon, kiun nia Majstro alportis al la homaro kaj tiel ni altiros al nia sankta afero ĉiujn bonvolemulojn.

Jen efektive la baza kaj plej flegenda agadkampo !

Jen al kio ni devas tutunue kaj nepre strebi.

Sed, kiam pri nacia lingvo oni konstatas, ke, se la amaso uzas ĝin taŭge kaj utile, sed ofte ne tute korekte, tamen ekzistas apude kelkaj personoj, kiuj ame zorgas pri la pureco de la lingvo mem. Tial, kiam iu volas plibonigi sian lingvokonon, li scias al kiu sin turni. Sed ankaŭ, oni povas diri, ke dank'al lingvozorgantoj, gramatikistoj... la naciaj lingvoj konservas sian **unuecon** kaj ilia natura evoluado estas gvidata, laŭmezure kiel tio povas esti farata.

Jam kelkaj artikoloj protestis kontraŭ la tro facilan kaj nenaturan evoluigadon de nia lingvo pere de neologismoj tute neutilaj. Hodiaŭ ni diru plue ke, por ke nia lingvo konservu sian logikecon, sian simplecon, sian purecon, ni devas inter aliaj aferoj atenti pri la **naciaj** idiotismoj, kiuj invadas nian vortaron.

Tion dirinte, permesu al ni, ke ni faru kelkajn rimarkojn pri — laŭ nia opinio — kelkaj ne korektaj formoj aŭ dirmanieroj.

Kiel ekzemple uzi :

— « **personeco** », kiam temas ne pri « eco » sed pri « ulo » famulo, eminentulo... (une personnalité) ;
— « **aktiveco** », kiam ne pri la eco mem oni parolas, sed pri ĝia rezulto : « la agado »... (l'activité du groupe) ;
— «**certa** » anstataŭ « iu » aŭ « ia », kiam precize oni tute ne scias certe, kiu aŭ kio estas la persono aŭ la afero, pri kiu oni parolas ;
— « **transpreni** » anstataŭ « preni sur sin », ĉar « trans » havas tute alian signifon ;
— « **flanke de** » por konigi la aganton... Jen ankoraŭ franca dirmaniero, kiun oni ne devas esperantigi ;
— « **Sinjorino Doktoro** », oni tion diras ankaŭ — kaj ne logike — en franca lingvo, sed tio ne estas praviga kaŭzo por ke, same mallogike, ni agu en esperanto ;
— « **Siatempe** », kiam ne temas pri resenda formo ; ekz. « Tiu letero « alvenis siatempe al mi », bone ! Sed « Tiun leteron mi ricevis siatempe ». Ne, tute ne ! Ni diru tie : « ĝustatempe ».

Ĉu niaj samideanoj bonvolos ne konsideri nin, kiel **tedajn grumblulojn**? Male, ĉu ĉiufoje, kiam ili devos traduki tiujn ideojn, ili bonvolos uzi la vere esperantajn formojn... ne la idiotismojn?

Léon BELHOSTE,
Pierre MARLY.

**N. de la Redakcio.** — Tamen Zamenhof skribis : « mi volis siatempe proponi komunan regulon » (Vid. 288.2.6/66/ Plena Gramatiko de Esperanto).

## LA « MAL-NEOLOGISMEMULOJ »

Jam de kelka tempo aperas en la kolumnoj de la Revuo diversaj artikoloj aŭ alvokoj kontraŭ — laŭ ĉi ties aŭtoroj — « **malutilaj** » la neologismoj. Eĉ en la numero de julio-62 la alvoko alprenis la formon de **rezolucio**, kiun proponis la patro mem de la dubsenca, antaŭ nelonge aperinta, neologismo : « **mocio** » !

Unuavide oni do povus kredi, ke svarmas nun la disĉiploj de tiu fama « **Jack Pomfrit** », pri kies teorio raportas Raymond Schwartz en la « **Ĉoja Podio** ». Ilia ĉefa argumento : konservi la lingvon « **simpla, facile lernebla...** » dank'al « **nevaŝtampleksa radikaro** » (tiel !) Ili preskaŭ ne hezitus simpligi la FUNDAMENTON, uzante « **malmemori** » anstataŭ « forgesi », aŭ « **malforgesi** » anstataŭ « memori » — prefere ol lerni novan radikon, ĉar tie kuŝas la kerno de la problemo : neologismon ili abomenas kaj ŝarĝas per ĉiaj difektoj de la mondo nur tial, ke ĝi komence aspektas kvazaŭ sovaĝa fremdulo, pri kiu oni devas multon lerni.

La nocio de « **malutila neologismo** » estas ja malfacile difinebla. Neologismo prezentiĝas kiel nekonata gasto kun propra fizionomio kaj karaktero : ĝin la socio akceptas aŭ forlasas, kaj tial ĝi fariĝas konata kaj ĉesas esti neologismo, aŭ ĝi stagnas for de la amika rondo — ekster la uzado — kaj sekve de tio baldaŭ forgesita. Neologismo ne estas do danĝera per si mem, kondiĉe ke oni respektu ĝian apartan karakteron : **nur la misuzo estas efektive malaprobinda**, kiel ekzemple tiu de « apelacii » en la senco de « alvoki », ĉar tiam senutile ĝi uzurpas la lokon de alia vorto. Pri juĝa aŭ instanca decido oni apelacias al supera organo, publika opinio, homa sento, sed por iu kampanjo aŭ fonduso sufiĉas sendube **alvoki** la gesamideanojn ; verfakte « apelacii » enhavas krom la ideo de alvoko ankaŭ tiun de **protesto**. Kaj malrespekti ĉi tiun propran karakteron, tio ĉi estas kruda molesto, kvazaŭ decidi arbitre, ke « iri » de nun signifos « stari » !

Oni relegu en la Fundamento la antaŭparolon, kiu entenas la sagacan opinion de Zamenhof pri la necesa enriĉigado de la Lingvo. Nur lingvoj, kiel la latina, sidas senneologismaj ĝuste, ĉar ili ja estas mortintaj, **ŝtonigitaj kiel kadavroj !** Malofte neologismoj povas enradikiĝi kun signifoj egalvaloraj al tiuj de aliaj vortoj ; male ili precizigas apartajn nuancojn de vortoj kun pli vastaj signifoj. Eble « strando » plene sinonimas kun « plaĝo », kvankam en miaj okuloj (sed ĉu nur subjektive?) **strando** elvokas specialan plaĝon, la artefaritan, aranĝitan de homoj en banlokoj, dum **plaĝo** prezentas bildon de kruda, se ne sovaĝa, marbordo. Tiel « ekspliki » estas pli ol « klarigi » : oni **klarigas** la sencon de vorto, la signifon de mesaĝo, sed oni **eksplikas** la etimologion de la unua, la kaŭzon kaj la celon de la dua. Oni **eksplikas** literaturan paĝon, draman scenon, ne nur per vortklarigoj sed ankaŭ per diversspecaj komentoj pri la aludoj, intencoj, efektoj, k.t.p. de la aŭtoro. De matematika problemo la eldiran tekston oni **klarigas**, sed la solvon oni **eksplikas**. Kaj same de leĝa paragrafo la vortigon oni klarigas, sed la aplikiĝon oni eksplikas dank'al la doktrino kaj jurisprudenco.

Unuvorte la nuanca riĉiĝo de la lingvo dependas de tiuj laŭdire « abomenaj » neologismoj, sed kompreneble, kondiĉe ke oni ne malzorgu ĝuste la **nuancojn**. Okazas foje, ke kunmetita vorto povas esti pli elvokiva ol simpla radiko por tiuj, kiuj ne konas la etimologian valoron de la radiko ; male tro kruda elvokiveco de kunmetitaĵo foje povas ankaŭ ĝeni en scienco. Verŝajne « vertiĝo » restos pli oportuna por kuracisto laŭ scienca vidpunkto, dum « kapturniĝo » multe pli bildiĝos en poezia teksto. Konkludu do la ĉefa rekomendo : neologismon oni uzu **nur en propra senco** — se ne, oni preferu kunmetitaĵon de la ĝenerala lingvo.

J. T.

# RECENZOJ

## RAYMOND SCHWARTZ : KIEL AKVO DE L'RIVERO

Jen vera romano. Kaj oni konsciu, kia maloftaĵo estas tia verko en nia nuna literaturo, kie precipas poezio kaj novelarto. Vera romano pro ĝia stilo, konstruo kaj amplekso. Romano verkita de aŭtoro, kiun mi ne bezonas prezenti. (1).

Nur supraĵa observanto povis konsideri Schwartz-on kiel nuran vortĵongliston kaj podian amuziston (Eĉ se nur tio li estus, kia merito, meze de nia neuroze serioza kaj ne malofte rigidmora popolo!). Liaj pasintaj verkoj, ek de **Anni kaj Montmartre**, preskaŭ forgesita klasikaĵo de nia novelarto, ĝis la plej lastaj noveloj (kia **La ĝojaj ĝemeloj**, aperinta en **La Nica Literatura Revuo** N° 42) sufiĉis por konsideri lin kiel unu el la majstroj de la esperanta prozo. **Kiel akvo de l'rivero** estas la ĉefverko de Schwartz en la plej preciza senco de tiu ĉi vorto.

***

Tio komenciĝas kiel komedio, per bildo simila al tiu de la fama kanzono **Les deux Gendarmes :**

> « **Brigadier, répondit Pandore,**
> **Brigadier, vous avez raison...** »

kaj per bunta sceno de kamparana edziĝofesto, kie ĉiu tipo estas ĉizita per akrigita kaj ironia plumo. Ni estas en aŭgusto 1913 en lorena vilaĝo ĉe la tiama franca-germana landlimo. La « bela epoko », kiam Parizo kantis « **Viens, poupoule...** », kaj kiam omnibusveturado en Berlino kostis kvin pfenigojn !...

Tio daŭriĝas kiel tragedio. Tragedio por la heroo de l'romano, Pierre Touchard juna franca studenta, gasto en berlina familio, kiu en la daŭro de kelkaj tagoj transformiĝas en malamikon kaj kun granda peno revenas Francujon, lasante la germanan amatinon en Berlino. Tragedio por ambaŭ popoloj, por tuta Eŭropo.

Tio finiĝas kiel melodramo, dum la dua mondmilito, post transsalto de malplenaj dudek jaroj. Bedaŭrinde. Ĉar tiu dua parto, se oni komparas ĝin kun la unua, aspektas kiel fiasko. Mi ja diras : se oni komparas ĝin kun la unua ; ĉar neniam la rakonto de Schwartz fariĝas teda aŭ ridinda. Sed oni komparu : la unua parto, kiu okupas tri kvaronojn de la libro, ampleksas precize unu jaron, dum la dua — kvarono de la paĝaro — ampleksas la periodon 1939-1946, inkluzivante la necesajn klarigojn pri la okazaĵoj de la transsaltita tempo. Tiu formala malekvilibro naskas malekvilibron pli esencan : trorapideco de la agado, hasta skizo de la novaj roluloj, aventur-romana — aŭ kinematografa — konstruo, kiu povus pravigi sin en alia kadro, sed tie ĉi krude kontraŭas la unuan parton. Pli grave eĉ : la artifiko de la intrigosolvo, la sinsekvo de teatraj neatenditaĵoj, kiuj streĉas la atenton de la leganto en la lastaj paĝoj, lasas tamen malbonan impreson. Ankaŭ la psikologio de la herooj ege suferas pro tiu traktado. Schwartz videble malzorgis tiun duan parton : ĉu ĉar la Historio estas eterna rekomenco (« ...Kaj oni rekomencis... ») ? Ĉu ĉar la leganto — aŭ la aŭtoro mem ? — bezonas optimistan finon ? Ĉu por akcenti la fikciecon ? Aŭ ĉu tutsimple ĉar nur la junaĝaj rememoroj estas rakontindaj ?

***

« La personoj rolantaj en tiu ĉi romano estas fikciaj » avertas la aŭtoro, obeante respektindan tradicion de similaj romanoj. Sed ĉu Vilhelmo II-a kaj Hitler, ĉu Daladier aŭ Poincaré estas fikciaj personoj ? Oni vidas, ke estas malfacile paroli pri fikcio, kiam la temo implikas historiajn okazaĵojn. Fikciaj estas la herooj de l'romano — Pierre Touchard, Anne-Marie Balkenwirth kaj la aliaj ? Jes ja, kiel en ĉiu vera romano — kaj oni pri tio ne bezonas antaŭ-averti. Sed oni ne konfuzu « fikcia » kun « fantazia ». Tiu juna franca studento, kiu havas unu piedon en la frivola Parizo kaj la alian sur la firman grundon de la lorena kamparo, tiu admiranto de Anatole France, kiu lernis ŝati la germanajn morojn kaj kulturon, kiu konsideras stultaĵo la malamikecon inter la popoloj kaj eldiras kelkajn belajn ideojn pri tiu temo, kaj fine partoprenas la batalon kontraŭ la nazia reĝimo, li tamen estas iomete la proparolanto de la aŭtoro, ĉu ne ? Despli, ke il malkovris sian kamaradon-komplementon en la persono de la ĝoja farsulo Hans Paulig, senrida pikulo kaj specialisto de sonalternoj (nomataj de Schwartz « kontraŭknaloj » — kial ?). Ambaŭ estas fikciaj, sed la duopo iel similas la aŭtoron mem...

***

La romano — almenaŭ gia unua parto — estas riĉa je tipoj priskribitaj foje kun ironio, ĉiam kun simpatio, kaj videble ĉerpitaj el la realeco, same la francaj vilaĝanoj kiel la berlinaj amikoj de Pierre Touchard. Schwartz majstre eniras en la detalojn de priskriboj kaj pentras kolorriĉajn scenojn : la edziĝofesto, la studenta bierkunveno ekzemple restos memorendaj pecoj. Dramecaj epizodoj — se oni esceptas tiujn de la fina parto — estas trafe lokitaj : oni ekzemple vidu la efekton de la anonco de Sarajevo aŭ de la memmortigo de D-ro Kiebitz. Raymond Schwartz demonstras, ke lia stilo, kiu estis tipe taŭga por noveloj, kapablas elteni longan romanon, larĝan freskon. Priskriboj kaj dialogoj, bruaj scenoj kaj lirikaj eroj, ĉio mirinde ekvilibriĝas, tiel ke la intereso de la leganto neniam malfortiĝas, eĉ se kelkaj epizodoj de la berlina periodo ŝajnas iom longecaj. Same ekvilibriĝas seriozo kaj ŝerco, ironio kaj kompato, lakoneco kaj intenca bombasto. Paletro riĉa kiel la vivo mem. Vigla, drasta, suka lingvo, en kiu eĉ la multaj francismoj facilanime konvertiĝas al la zamenhofa lingvo sub la influo de lerta varbanto. Miraklo de ekvilibro : la liriko ne falas en sentimentalecon, la filozofiemo ne fariĝas prediko. Kaj antaŭ la tragiko, Schwartz kvazaŭ respekte demetas la ĉapelon, ŝajnas diri : tie ĉi jam ne taŭgas mia vortotorento ; kaj li atingas tiun elokventan koncizecon :

> « **Mallonga komando. Meĥanika bruo de l'aŭtomatuloj.**
> **« Fajro ! ».**
> **La salvo klakis. Seke. Bignol estis falinta.**
> **Oni enterigis lin surloke. Senprokraste** ».

Schwartz la vortĵonglisto. Sed ankaŭ Schwartz la homo. Prenu kaj legu. Vi ne bedaŭros.

Michel DUC GONINAZ.

---

(1) Raymond Schwartz : Kiel akvo de l'rivero. Romano. Kovrilo de David Hastie Young. Stafeto : Beletratura Serio 19-20 (duobla volumo) — J. Régulo, eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1963 — 22,5 x 16 cm. — 488 paĝoj. Preze : broŝ. 15 Fr.ᵉ; tolbind. 19 Fr.

« RAKONTOJ DE OOGAI ». — Unu plia ŝtupo al interkomprenigo.

La granda projekto de Unesko pri la « Reciproka Aprezado de la Orientaj kaj Okcidentaj Kulturaj Valoroj » plue efektiviĝas dank'al la Lingvo Internacia. Post unua libro « Malsata Ŝtono » de Rabindranah Tagore jen la dua de la serio, eldonita de Japana Esperanto-Instituto.

Mori Oogai (1862-1922) estas unu el la plej elstaraj japanaj verkistoj. Saturita de okcidenta klereco li konigis al la japana socio la plej grandajn okcidentajn verkistojn. En lia novelo « Mesaĝo komisiita » de tiu libro mi sentas ekzemple ian romantikan etoson, kiam li rakontas sian impreson de japana oficiro inter la germana nobelaro ĉirkaŭ la jaro 1887-a.

Tamen liaj tri aliaj noveloj temas pri tipe japanaj kutimoj kaj estas pli interesaj.

Sur « La Tarase-Barko », kiu transportas ekzilotajn krimulojn al fora insulo, oni aŭdas la konfeson de kondamnito, la mizerajn cirkonstancojn de lia vivo, la realajn kaŭzojn de lia krimo, kaj oni komprenas, kial li sin montras tiel feliĉa esti punlabore kondamnita, ĉar fine li malpli suferos ol dum lia pasinta vivo.

En la noveleto « Sanoyô Dayû » oni travivas kun emocio la okazaĵojn, kiujn spertas du infanoj forrabitaj kaj venditaj kiel sklavoj, sed la rakonto finiĝas feliĉmaniere.

La lasta novelo, la plej longa, la plej interesa por ni okcidentuloj traktas la temon pri la « mortakompano ». Kiam altklasa samurajo estas mortonta, liaj plej karaj amikoj kaj subuloj petas de li la permeson « mortakompani » lin, tio estas harakiri tuj post lia morto. Plej ofte tia permeso estas konsentita, sed kio okazas, kiam amiko ne ricevas la permeson kaj tamen harakiras? Tion ĉi rakontas la novelo « La familianoj de Abe ». Tiuj strangaj vivmanieroj tre interesas nin pro sia ekzotikeco, kaj eĉ se ni ne tute komprenas la ĝismortan sinoferon de samurajoj, ni admiras tamen ilian abnegacion, kiu similas heroecon.

Ĉi tiu libro estas inda je la serio « Oriento-Okcidento » escepte laŭ mia opinio la noveleton « Mesaĝo komisiita », kiun oni estus povinta anstataŭigi per pli tipe orienta rakonto.

La tradukoj estas bonaj sed la legado de tiu libro estas iafoje malfacila pro abundeco de propraj nomoj kaj neologismoj ; verdire ĉi tiuj neologismoj estas necesaj por redoni la ekzotikan etoson de la verkoj. Sed estus preferinde, ke ĉi tiuj neologismoj estu kursive presitaj kaj krome signitaj per steleto, kiam ilia senco estas klarigita en la glosaro.

Ni bondeziras longan kaj prosperan vivon al tiu serio « Oriento-Okcidento » jam tiel bone komencita.

F. LEGREE.

---

« RAKONTOJ DE OOGAI » de Mori Oogai — Serio Oriento-Okcidento n° 2, sub aŭspicioj de U.E.A., eldonita de Japana Esperanto-Instituto, 15-21 cm., 118 paĝoj — tole bindita, prezo 14 Fr.

# Stancoj de l'CID

Trafita ĝis profund' de l'koro
De frapo subitega kaj ankaŭ morte grava,
Venĝonto kompatinda en ĉi kverelo prava
Kaj celo malfeliĉa de prema sortrigoro,
Mi staras nun senforta, kaj mia kor, panika
Svenas pro l'bat' mortiga.
Dum mian amon mi jam preskaŭ festis,
Ho Di' ! doloro jena !
La ofendito mia patro estis,
La ofendint', la patro de Ĵimena.

Animaj luktoj min katenas !
Honoron mian propran la amo breĉapertas :
Se patron mi forvenĝas, mi amatinon perdas :
Unu la koron puŝas, l'alia brakon tenas.
Kaj restas tio nur, ĉu al mia flam' perfidi,
Aŭ plu en honto sidi :
En ambaŭ l'miso estas infinita.
Ho Di' ! doloro jena !
Ĉu la ofendon lasi nepunita ?
Ĉu puni do la patron de Ĵimena ?

Patr', amatin', honoro, amo,
Nobla devigo dura, kortiranec' agrabla...
Estas for miaj ĝojoj, kaj mia fam' nun fabla.
Mi iĝas jen mizera, jen inda je fifamo.
Ĉu, kara kaj kruela esper' de koro granda,
Sed ankaŭ adoranta,
Ĉu, malamik' de mia vivtrezoro —
Ŝtalo por mi ĉagrena,
Vi estas mia por venĝ' de l'honoro ?
Vi estas mia por perd' de Ĵimena ?

Pli bone mi al morto kuros.
Al l'amatin' ! mi kiel al mia patro devas :
Venĝante min mi ŝian malamon jen ricevas ;
Se ne, la malestimon al mi ŝi ne mezuros.
Al dolĉa revo l'unu min igas ĵuroblinda,
L'alia, ŝin malinda.
Kuraci la malsanon ne sukcesas —
Dolor' duoble plena !
Nu, mia kor', ĉar morti nun necesas,
Mi mortu sen ofendo al Ĵimena.

Perei tiel sen riparo !
Kaj serĉi morton tiel detruan al renomo !
Toleri, ke Hispanio metu al mia nomo,
Ke mi ne tenis famon de mia domanaro !
Respekti tiun amon, pri kiu mi konscias,
Ke nun ĝi agonias !
Komplezon por ĉi pens' mi ne plu havu !
Ĝi estas nur venena.
Nu, mia brak', honoron ni do savu,
Ĉar estas certa l'perdo de Ĵimena.

Jes, mia pens' sintrompe revis.
Mi ŝuldas al la patro pli ol al l'amatino.
Ĉu en duel' mi mortos, aŭ pro la amdestino,
Ĉi sango fluos pura, kia mi ĝin ricevis.
Mi estas kulpa jam pro tro multe da hezito :
Ek al la venĝinvito !
Pro l'ŝanceliĝo mia mem' protestas :
Mi estu nun volplena,
Ĉar l'ofendit' ja mia patro estas,
Se l'ofendint' la patro de Ĵimena.

Pierre CORNEILLE.

tradukis : Roger BERNARD.

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

Nous pouvons fournir tous les livres indiqués dans l'annuaire U.E.A.

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

L'Espéranto, cet inconnu (Ribot) .............. 1,25
Valeur pédagogique de l'Espéranto ............ 0,60
Programme des examens ...................... 0,50
ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) .............................. 1,50
Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés 5,00
Manuel d'Etude (Couteaux) ..................... 4,50
Manuel d'Initiation (Thailliet) .................. 1,50
Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés .. 4,80
Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) ........... 11,00
Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) ............ 12,50
Plena Gramatiko (vol. I) ....................... 12,00
Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) ........ 4,00
Dialekto, dialektiko (Dalmaù) .................. 3,50
Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita ........ 20,00
Manuel de Perfectionnement (Couteaux) ...... 3,00
Lingvaj Respondoj (Zamenhof) ................ 7,50
Esperanta Proverbaro (Zamenhof) ............ 7,50
Esperanto, facila por vi (Walter) .............. 5,40

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) 20,50
Grand Dictionnaire Espéranto-Français (Waringhien). ........................................ 30,00
Lexique Espéranto-Français (Léger) ........... 5,40
Naùlingva Etimologia Leksikono (Bastien) .... 10,00
Plena Vortaro de Esperanto .................... 15,00
Vocabulaire de poche (Bastien) ............. 3,00

### HISTOIRE DU MOUVEMENT

Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché 6,50
relié ............ 13,50
La Esperanto-Movado (Stöp-Bowitz & Isbrucker) 3,00
La Internacia Lingvo (Lapenna), bindita ...... 8,50
Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune ................................. 20,00
Originala Verkaro de Zamenhof, bindita ...... 18,00
Vivo de Zamenhof (Privat) ...................... 4,50
Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) ...... 8,50

### LITERATURO

Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue 2,00
Angla Antologio (Auld & Rossetti) ............ 14,00
La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita .............................................. 4,50
La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) . 2,00
Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) ...... 1,00
Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) .............. 3,30
Colomba (Mérimée) ............................. 1,70
Topaze (M. Pagnol) ............................. 10,00
Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) .............. 10,00
Fabiola (Kardinalo Wiseman) 7,50 ; bindita .... 12,00
La Forto de l'Vero (Adi) ...................... 3,50
La Goja Podio (R. Schwartz) .................. 4,50
La Hundo Kruso (Ballantyne) .................. 2,50
Infanoj en Torento (St. Enghoim) I & II kune 5,60
Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita .......... 4,50
Karlo (Privat) ................................... 1,20
La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) ................................................ 3,30
Malsata Ŝtono (R. Tagore), bindita ............ 15,00
Akbar (Brouwer) ................................. 5,50
Kiso de la Reĝino (Naĵivin) .................... 3,30
Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita .... 8,50
Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita .... 9,00
La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita . 17,00
Novaj Esperanto-Historietoj (div. aùtoroj) .... 3,50
Princino de Marso (Burroughs) ............... 1,70
Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) .................... 3,30
Taglibro de Anne Franck, bindita ............ 11,50
La Naùzo (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard ...... 20,00
Eroj (M. Boulton) ................................ 12,50
Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. 18,50
La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) ........ 13,50
Georgo Dandin (Molière) ...................... 3,00
Jozefo (Applebaum) ............................ 5,60
Kontralte (M. Boulton) ......................... 10,00
La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) ............ 1,20
Peer Gynt (Ibsen), bindita ..................... 11,20
La Revizoro (Gogol) ............................ 4,50
Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) .................... 10,00
Kiel akvo de l'rivero (Schwartz), bind. 19, br. 15,00
Dana Antologio, bindita ........................ 16,50
Quo Vadis (trad. Lydia Zamenhof) ............ 14,00
Koloroj (J. Baghy) .............................. 4,50
La Marvirineto, bindita ........................ 10,50
Bildlibro pri Bestoj, bindita .................. 11,50

### FILOZOFIO & RELIGIO

Tio, kion mi kredas (J. Rostand-Berlot) ...... 3,00
Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) ................ 2,00
La Nova Testamento, bindita ................ 3,00
Sankta Biblio, bindita .......................... 10,00
La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita 5,00

### GEOGRAFIO — VOJAĜADO

Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) ...... 15,00
Aùstralio — Lando kaj Popolo ................ 3,50
Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita ...... 18,50
Kanako el Kananam (K.-G. Linton) ............ 11,90
Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) ........ 11,60
Pariza Gvildlibro Ilustrita ..................... 3,00
De Parizo al Lazura Marbordo (Rétot) ........ 1,60
La Bela Subtera Mondo (Leander Tell) ........ 10,00

### ARTO, SCIENCO & TEKNIKO

Retoriko (Lapenna), bindita .................. 16,50
Atakoj kontraù Gardenplantoj (Neergaard) .... 15,50
La Vivo de la Plantoj (Neegaard) ............ 11,50
Sekretoj de la Marestaĵoj ..................... 7.50
Amuzo per Scienco (Vivian), bind. ............ 6,00

### GRAMOFONDISKOJ

Cours d'Esperanto (Ribot) : 6 disques ........ 40,00
7 livrets ........ 45,00
Le cours complet ........ 80,00
Disque de prononciation ...................... 4.00
Parolado de Lapenna ........................... 8 50
Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) ............................................ 12,00
Diversaj Melodioj (kvarvoĉ), ĉiu .............. 10,00

**Livres illustrés pour les jeunes (Série de 10) .** 10.00

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF ; 15 % jusqu'à 20 NF ; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Française pour l'Espéranto, 34, rue de Chabrol, Paris Xe. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie COCONNIER

Le Gérant : J. GUILLAUME.